nur pere de interkonsento, kiam oni trovis anstataŭiganton el alia dimensio kaj oni interŝanĝis la lokojn.
La ĉiĉeronino kondukis nin al unu el la infanĝardenoj de la urbo. Ĝi similis nian infanĝardenon, sed estis pli granda. Ĝi havis multajn dormoĉambrojn, ĉar la infanoj kutimis tranokti tie. Ili amis la infanĝardenistojn samkiel siajn gepatrojn, do ili ne sopiris reveni hejmen. Fakte ili sopiris pri nenio. Ili emociiĝis pri nenio. Ili kunludis trankvile, sen kvereloj, sen larmoj, sen krioj.

Unu el la knabinoj similis mian filinon. Ŝi rigardis nin scivole, senemocie.
- Tiu ĉi estas mia filino - diris la ĉiĉeronino senemocie. Subite mi ekkonsciis, ke la ĉiĉeronino similas min okulfrape, kvazaŭ ŝi estus mia reflekto en spegulo. La konstato ŝokis min, ektimigis min. Mi prenis la manon de Flora. Ŝi tremis, ŝia korpo algluiĝis al la mia kaj ŝi flustris:
- Mi volas iri hejmen, panjo…
La ĉiĉeronino rigardis rekte en miajn okulojn kaj demandis:
- Ĉu vi kaj via filino volus interŝanĝi la vivojn kun ni? Ĉu vi pretus vivi ĉi tie anstataŭ ni?
- Mi volas hejmen… – ripetis Flora.
Mi rifuzis la proponon de la ĉiĉeronino rapide, senhezite.
Kaj la sonĝo finiĝis.
Ĉu ĝi estis sonĝo?

# ReVe: Renkontiĝo Vegana (9-13 majo) en Greziljono




Plurfoje okazis Alternativa Semajno en Greziljono (Kulturdomo de Esperanto, Francio) en pasintaj jaroj, dum la somera periodo, kiam fojfoje aperis vegetarismo kaj veganismo kiel unu temo inter aliaj (ekologio, alimondismo, demokratio...). Ĉi-foje ni proponas 5-tagan programon, kun veganismo kiel centra temo. Ĝi okazos paralele al ĥorkanta staĝo de

la grupo Interkant'. Dum la renkontiĝo, la partoprenantoj, veganaj aŭ ne, havos okazon:

– manĝi vegane kaj provi mem receptojn sub gvidado de profesia kuiristo;

– ĉeesti kaj aktive partopreni prelego-debatojn pri diversaj temoj ne nepre rekte ligitaj al veganismo, sed iel rilataj (ekz. pri naskismo, vegetaĵa sensado, politika situado de veganoj, strategioj de varbado, sanrilataj aspektoj, speciismo...). La programo estas prilaborata, kaj ĉiuj proponoj estas bonvenaj, inkluzive de homoj kiuj sintenas ne por, sed kritike, kial ne eĉ kontraŭ veganismo, ĉar la ideo estas ebligi liberan interŝanĝon de faktoj kaj argumentoj;

– frandi koncertojn de Jonny M kaj de Interkant'; spekti filmetojn, filmojn en Esperanto pri veganismo aŭ aliaj temoj ktp.

Ĉiuj praktikaj informoj aperas rete kaj estos regule ĝisdatigitaj ĉe: *http://gresillon.org/reve.*

*laŭ la informoj de Vito MARKOVO*

# Medio-ministrejo de Germanio regalas per vegetara manĝaĵo

Komence de februaro 2017 Barbara HENDRICKS, ministrino de naturmediaj aferoj, decidis, ke ĉe la publikaj aranĝoj de la ministrejo estonte nur vegetara manĝaĵo estu disponigita. Provizistoj de manĝaĵ-servoj nun devas konformi kun tiu principo, kaj kiom eble provizi per ekologiaj, laŭsezonaj, regiondevenaj nutraĵoj el justa komerco. Ĉe la koncernataj aranĝoj ja temas regule pri mediprotekto kaj klimatprotekto, pro kio oni volas nutri partoprenantojn laŭ maniero “kredinda kaj modela”. Kritiko venis de la agrikultura ministro Christian Schmidt, kiu pledis por “diverseco kaj elektolibereco” ĉe la priservado per manĝaĵo. Li asertis, ke viando kaj fiŝaĵo troviĝu en ekvilibra dieto.

Laŭ raporto de *www.klimaretter.info* de 2017-08-15, la ŝanĝo plejparte efektiviĝis. Pli ol 70-foje publikaj aranĝoj kun manĝaĵoservo estis efektive vegetaraj. Tamen, sesfoje pro diversaj kialoj okazis esceptoj.

*informis: Gary MICKLE (Germanio)*

# Fragmento el LIBAZAR’ KAJ TERO

*(Sciencfikcia romano de Julia SIGMOND kaj Sen RODIN)*

**ĈAPITRO 25** (Tero)

*Evidentaj diferencoj inter Tero Kaj Libazar'.*




*La kovrilpaĝo de la itala eldono*

La sekva estis la tago de la grandaj interkonatiĝoj. Profo plaĉis al la membroj de TOFO. Kutime Eluana estis tre rezervita pri siaj vojaĝoj, pri Libazar'. Krom Solono, Kleja kaj Alica nur kelkaj teksistinoj sciis, ke ĝi estas ŝia denaska planedo kaj ŝia kutima arkangazono. Sed Profo montriĝis

tiel abunda, brila konversacianto, ke li iĝis simpatia al la gastigemaj tofanoj. Vere estas, ke iu ajn, senscia pri Libazar' kaj ties loĝantoj, facile rimarkis liajn okulojn migdalformajn. Iu diskrete proksimiĝis al Kleja kaj subvoĉe demandis:
- Ĉu koreano?
- Ne, kvoro.
- Kvoro? de kie li venas?
- De Libazar', la naskiĝlando de nia Direktorino - respondis diskrete Kleja, - sed ci silentu! por ni ĉiuj, ĉefe por la Inspektoroj, li estas muzikisto de la Kompatema Lando: ni dungas lin por muziki en la salonego, ĉu komprenite?...
Tion dirante ŝi komplice palpebrumis, ricevante reciprokan palpebrumon. Dume Profo volonte rakontis siajn vivospertojn de muzikisto kaj afable klarigis aspektojn de sia socio, kiuj ŝajnis bizaraj al la tofanoj. Ĉiuj interesate aŭskultis lin.
Poste Solono apartiĝis dum horoj kun la muzikisto por interŝanĝi profesiajn muzikaĵojn. Unue li prezentis al la nova amiko la grandan orgenon de la Frataro; kun feliĉa surpriziĝo Profo konstatis, ke ĝi ne tro diferencas de simila Libazara instrumento nomata Sonaro. Poste Solono detale prezentis sian pajnoŝalmon je SOL, kun 22 sontuboj, kaj Profo klarigis la karakterizojn de sia kladugo, nun fluganta en la kosmo inter Libazar' kaj Tero. Ili pridiskutis la teknikajn kapablojn de la du muzikiloj kaj la diferencajn muzik-sistemojn utiligatajn en la du planedoj - la dodekafonio kaj la heptafonio. Solono ludis al la nova amiko kelkajn pecojn, Profo rekonis la tembron, kiu ravis lin dum la trauniversa flugado! Li konstatis, ke la du tembroj, de la kladugo kaj de la pajnoŝalmo, povus plaĉe kunsonori ... kaj eksterordinara ekideo trafis lian menson ... sed tiumomente femina voĉo interrompis la profesian masklan konversacion:
- Solooonooo! ĉu ci intencas monopoligi Profon tutdiurne?! Venu tuj, pretas la vespermanĝo!
Ĉetable sidiĝis bela amikaro: Eluana kaj Profo, Kleja, Alica, Solono, plus la du junuloj Toto (la goo-ĉampiono) kaj Kristi (la taksiisto) alvenintaj por saluti Eluanan post ŝia trimonata feriado. Tuj oni plektis viglan interparolon pri diversaj temoj.
Solono starigis komparon inter la *Mon-sistemo*, reganta Teron, kaj la *Pacil-sistemo*, reganta Libazaron. Ĉar la ĉeestantaj teranoj bone konis la unuan, sed nenion sciis pri la dua, li prezentis modestan diserteton:
- Ambaŭ sistemoj celas elekti kapablajn estrojn. La teranoj pensas: kiu

akumulis plej multe da mono montriĝis plej kapabla, do plej taŭga stiri la socion. En Libazar' oni pensas: kiu plej suferis, montriĝis plej valora, do plej meritas iĝi estro. Ambaŭ sistemoj povus kontentige funkcii, se la civitanoj estus honestaj. Bedaŭrinde sur Tero okazas, ke ju pli homo estas malhonesta, des pli li povas akumuli monon. Do ofte la popoloj elektas la plej kanajlajn ĉarlatanojn estroj ...
- Ho, ne ĉiam! - diris Kleja, - foje honestulo iĝas ŝtatestro!
- Jes, foje, tiam oni murdas lin. Tiel okazis pri Gandhi, Rabin, Palme, Allende ... Kaj en Libazar' oni tro severe punas la ĝuadon: ekzemple oni senigis Profon je ĉiu civitana rajto, nur ĉar li ĝuegis pro la sukceso de iu sia komponaĵo. Ĉu ne tro rigore?
- ... tamen ofte okazas, ke por atingi propran ĝuadon oni surtretas la rajtojn de aliuloj ...- obĵetis Alica.
- Jes, ankaŭ tio okazas. Sed finkalkule Profo damaĝis neniun per sia simfonio! Aldone oni suspektas, ke ekzistas sistemoj por artifiki la Pacilojn ...

- ... NEEBLE! - kriis Profo, kvazaŭ brogita ĉe la pugo, - tiuj estas kalumnioj dissemitaj de la Obrantanoj...
- Estu serioza, Profo - severe intervenis Eluana, - ne filistru! Aŭdiĝas tra ĉie murmuroj, ke oni ŝakras pri falsaj Paciloj! Albika, la kuzino de Kamira, tion konfirmis al mi! Cetere, vidu la obezecon de Pikaso, de Spiridiono, de ĉiuj ministroj ... ŝajne ne ĉio funkcias klare tie, en la Nigraburga Kastelo ... Ĝuste pro tio ĉiam pli multaj junuloj rifuĝas en Subgrundon ĉe la robotidoj, aŭ en Vanavaro, ĉe la Obrantoj!
- Mmmm, eee, mi nur intencis, ke ne oportunas misparoli pri nia patrio inter fremduloj ... - murmuris Profo iom ruĝiĝante.
Baldaŭ oni transiris al pli simplaj diferencoj inter la du ĝemelaj planedoj. Kleja rimarkis, ke en la bildoj alvenintaj per la unua Korbo, Profo aperas kun bukla porkeca vosto. De tio oni deduktis, ke la libazaranoj estas denaske vostohavaj. Sed nun oni konstatas, ke Profo estas sen vosto. Ĉu li amputis ĝin?
La demando ekscitis laŭtan ridon de Profo kaj Eluana. Ne, ili klarigis, en Libazar' nur digmoj, katoj kaj alispecaj kvarpieduloj naskiĝas kun vosto. La kvoroj estas senvostaj kiel la homoj. Tamen la masklaj kvoroj portas postiĉajn vostojn por aspekti pli respektindaj. Profo fiere parolis pri sia kolekto de vostoj:
- Mi havas tridekon da ili. Ĉiu evento ja postulas specialan voston! Ĉu por

premiero en Nigraburgo mi povus meti porkecan voston? La tuta mondo rikanus! Por tia solenaĵo taŭgas, ekzemple, longa vulpovosto kun ĉepinta hela kvasteto, aŭ ondanta vostego de mirmekofago kun riĉa nuancita franĝo! Male, por eniri ĉiutagan suferejon sanmensa civitano certe surmetas modestan, grizan vosteton de musa aŭ rata tipo. Kaj tiel plu. Dependas de la cirkonstancoj. Ekzistas eĉ kvoroj, kiuj neniam portas voston: uloj de nekleraj socitavoloj, kiel bagaĝportistoj aŭ tubistoj. Uloj estetik-imunaj.
Toto ekridis: - Vere bizaraj, tiuj libazaranoj! Kiel povis trafi ilian menson la ideo ornami sin per vostoj, por aspekti pli respektindaj?!
- Ne miru - replikis Kristi, - rigardu kion vi portas surbruste, sub la mentono ...
- Ĉu mi? pri kio ci aludas? ĉu la kravato?
- Brava, ĝuste la kravato! Ofte ci ŝanĝas ĝin, se mi ne eraras ...
- Tio havas nenian rilaton! kravato estas nur ŝtofo ...
- Bone, sed klarigu: al kio ĝi utilas?
- Nu ... pro boneduko, por aspekti pli serioze ...
- Do ĝuste kiel la vosto en Libazar'! Kaj certe ankaŭ vi posedas sortimenton el kravatoj, kiel Profo el vostoj!
Intervenis Alica mokeme:
- Tio signifas, ke la maskloj, ĉu homoj ĉu kvoroj, estas ĉiuj iom stultaj, afable dirite ...
- Aŭdu, de kiu pupitro venas la prediko! Kion diri do pri vi feminoj? Dum jarcentoj vi portis surkape florvazojn, birdojn, kaserolojn, kaj ĉirkaŭkole vulpajn vostojn, kaj subplande postiĉajn kalkanumojn por aspekti pli allogaj ...- rikanis Kristi.
Intervenis Solono pacigcele:
- Jes, en ĉiu epoko la homoj ornamis, tatuis, kripligis sian korpon. Kaj en la alia universo la kvoroj faras la samon ... Ne ĉiuj, tamen! Ekzemple mi neniam metas kravaton, kvankam mi estas nek tubisto nek bagaĝportisto ...
- ... ba, en ĉiu kranio sia opinio - diris Profo, - mi ne pretendas trudi voston al iu ajn, sed neniu pretendu malpermesi al mi porti voston!
- Prave dirite - konsentis Eluana.
Poste oni parolis pri veturiloj kaj vojaĝoj. Enkondukis la temon Profo:
- Hieraŭ vespere mi teruriĝis pro via trafiko. Fetora gaso sufokis nin, la radskatoloj kunpremiĝis kiel sardeloj en barelo, fine la tuta radskatolaro haltis, ni atingis la Frataron nur paŝante, kiel decas!
- He karulo - suspiris Kristi fakulece, - en ĉi sezono tio okazas ofte! Tiaj estas la malavantaĝoj de la progreso ...

- ... progreso? - diris Kleja, - ni prefere parolu pri regreso! Dum mia infanaĝo, en mia vilaĝo Mejanigo ekzistis entute du aŭtoj, kaj la aero estis kristalpura kiel decas!
- ... jes, sed oni vojaĝis maksimume ĝis 20 kilometra distanco ...
- ... nu, kaj do? Ĉu nun, vojaĝante ĉiujare al la kvin kontinentoj, ni estas pli feliĉaj? ni nur hejmenportas milojn da fotoj kiuj miksiĝas konfuze kaj tuj foraperas el nia memoro; ni venenas la atmosferon per fuelo ... Mia avino Kunegonda la tutan vivon pasigis en sia vilaĝo; ŝi havis tie pli multe da veraj amikoj ol ni da konatuloj tra la mondo; ŝi naskis sep infanojn kaj 98-jara fordormis en sia lito; ŝi eĉ ne sciis kio estas malsano ...
- ... bone bone, sufiĉas! Se vi celas, ke progreso ne ekzistas, sanon al vi! Tamen pripensu: se ne plu ekzistus la aŭtoj, aŭ “radskatoloj”, kiel diras Profo, kiamaniere vi irus al la urbo, al la Granda Kanjono, al la marbordo somere ... kaj Eluana ire-revene al Libazar'?
- Karuleto! - ridetis Eluana, - por iri al Libazar' mi ne utiligas skatolojn sed mensan koncentriĝon. Ankaŭ homoj kaj kvoroj povus lerni ĝin, se ili dediĉus sian tempon al mens-ekzercado. Koncerne la radskatolojn ... ankaŭ en Libazar' oni uzadis ilin ĉiam pli intense, ĝis antaŭ kvincent jaroj. Danke al tio la insulo atingis la antaŭtagon de kolapso: aero, grundo, akvo estis jam venenitaj , se ne paroli pri aliaj centraloj kiuj naskis monstraĵojn.
- Kaj tiam, kio okazis?
- Tiam intervenis Kan la Unua, lia nepo Kan-Kan la Pacigisto kaj ilia skolo. Danke al ili oni enkondukis la Pacil-sistemon, eliminis ĉiujn armilojn kaj fuel-motorojn, rekomencis moviĝi piede aŭ per bicikloj, tandemoj, tricikloj, rikiŝoj, pedalveturiloj. La fabrikojn oni instalis subgrunden ...
- ... kaj ĉiuj rekomencis vojaĝi piede aŭ bicikle kaj transporti varojn per ĉaretoj spirante parfuman aeron, ĉu? ho, kiel bele! - rikanetis Kristi.
- Al mi ŝajnas ne ridinda, sed admirinda Renesanco! - diris Toto, ĝis tiam nur atenta aŭskultanto de la diversaj tezoj. - Envere tia estis la vivmaniero en la epoko, kiam oni inventis la goo-ludon.
- Vidu la koincidon! - diris Eluana, - tiu ludo ekzistas en Libazar' jam de kvar jarmiloj, sed oni ne plu praktikis ĝin. Ĝuste dum la Kan-a Renesanco oni remalkovris kaj reludis ĝin, kaj nun ĝi estas ludata en la tuta insulo, eĉ iĝis furora ĉe la Obrantanoj! Eble tio okazis danke al la kvietiĝo de la insula vivmaniero, ĉar ja goo estas ludo tre malrapida, tre longedaŭra ...
- ... kaj tre endormiga! - piketis Kristi. - Toto: ci povus trovi la feliĉon tie: neniu radskatolo, vivo limaka, popolo ŝafa, goo praktikata: vera paradizo! kial ci ne elmigras tien? Ci povus iĝi Libazara goo-ĉampiono!

- Mi pripensos la aferon - respondis Toto serioze.
- Jes, vere Libazar' prezentas multajn belajn aspektojn - diris penseme Kleja, - tamen ekzistas unu apartaĵo, kiu ŝokis min, kiam mi ĝin eksciis de Eluana. Ŝajne tie troviĝas spuroj de kanibalismo...
- KANIBALISMO ??? - kriis koruse pluraj voĉoj, - KANIBALISMO???
Sekvis momento de peza silento, ĉiuj rigardoj direktiĝis al Eluana kaj Profo.
- Bedaŭrinde tio veras - diris Eluana kun trista voĉnuanco. - Tio estas la malbona flanko de la Pacil-sistemo. Ĝi permesas ĉion, malpermesas nenion. Se iu iĝas laŭleĝe proprietulo de senpacila kvoro, li povas laŭleĝe utiligi ĝin kiel sklavon, aŭ manĝi ĝin krudan aŭ kuiritan aŭ marinitan.
- Tamen tio okazas malofte - aldonis Profo por mildigi la rivelaĵon, - la publika opinio konsideras la kanibalismon atavisma praktiko, preskaŭ tabuo. Pro tio la raraj kanibaloj tiel multe ĝuas. Okazas al ili la samo, kio okazis al mi, kiam mi ĝuegis pro la ovacio al mia suito: mia Pacilo abrupte kolapsis kaj falis. Bonŝance la nobela kvoro Jobo Dekvadratis savis min de la internigo subgrunden, li adoptis min; poste silanverino Eluana malpermesis, ke oni min manĝu. Sed malofte la frandemuloj manĝintaj kvoran karnon saviĝas. Post la kolapso de sia Pacilo ili normale estas internigataj aŭ manĝataj.
- Kaj se ilia Pacilo ne kolapsas? - demandis Kleja.
- Ĉiuokaze ĝi perdas multegajn meritpoentojn. Por eviti la kolapson la frandemulo devas longtempe, intense suferadi por reekvilibrigi ĝin.
- Terure! - diris Alica grimacante naŭzigite. - Dume oni devas kunvivi kun kanibalo!? Verŝajne elirante dehejme mi povus renkontiĝi kun ... kanibalo? Neelporteble!
- Karulino - diris Eluana, - ci tamen neniel ĝeniĝas renkontante ĉiutage homojn, kiuj normale manĝas kadavrojn!
- Jes, sed manĝi animalojn estas alia afero!
- Kial?
- Ĉar ili estas animaloj!
- Kaj ĉu la homoj ne estas animaloj?
- Jes, sed ni homoj manĝas ilin, kaj ili ne manĝas nin!
- Kial?
- Hi hi hi ... ili ne povas. Ni havas armilojn, ili ne!
- Sed kial ci taksas normale manĝi bovon, dum abomene manĝi homon?
- Hi hi hi ... ĉar la homo apartenas al mia tribo, dum la bovo apartenas al alia tribo!

- En ambaŭ okazoj ci eliminas vivulon, ĉu ne?
- Ŝajnas tiel. Por pretervivi mi ja devas ion manĝi. Do mi manĝas bestojn kaj evitas, ke ili manĝu min.
- Prave. Sed diru: se ci povus bone vivi sen mortigi alian vivulon, ĉu same ci mortigus lin?
- ... mmm, tiuokaze, eble ... eventuale ... mi pensas ke ne ... Sed kiamaniere mi povus gardi min viva sen mortigi bestojn?
- Karega, ni silanverinoj tion faras normale. Kaj ne nur ni.
Alica pripensis, poste ekridis: - Kara Eluana, vi bone rezonas, sed al mi la ŝinko plaĉas!
- Mi komprenas, en ĉiu brusto sia gusto. Tamen evitu skandaliĝi se kelkaj kvoroj aŭ homoj manĝas karnon de siaj samtribanoj. Ili povas sinpravigi kiel vi: "al mi la ŝinko de infano plaĉas!" Ĉiu gusto samvaloras. Cetere, la homoj mem dum jarmiloj normale manĝadis sin reciproke, kaj neniu skandaliĝis. Tiam oni taksis vera frandaĵo la karnon de infanoj, speciale se ĵus naskitaj aŭ ankoraŭ mamsuĉantaj ...
Je tiuj vortoj la tuta kompanio embarasite falis en mediteman silenton.

Ĝin rompis Kleja:
- Amikoj! la infano Serĝeto atendas nin! Ni devas viziti la ciganan familion, prezenti al ili Profon. Sed antaŭ ol ĉio ni devas organizi la ekskurson al Granda Kanjono por ricevi la duan Kravoban Korbon, kun la kladugo de Profo ... Eluana, kiam ĝi alvenos?
- Neeble diveni ekzakte. De Libazar' al Tero tiuj korboj kutime vojaĝas dum du, tri tagoj, maksimume kvar ... dependas de la dismetiĝo de la obskura maso inter la gravitaj fluoj ... Kelkfoje, la korboj perdiĝas, devojigitaj de iu nigra truo subite formiĝinta ... bonŝance tio okazas malofte. Ĉiosume, malfacilas fiksi precize la alven-momenton ...
- Sed proksimume?
- Nu, la korbo startis de Nigraburgo hieraŭ. Hodiaŭ tie ĉi estas lundo, do probable ĝi alvenos morgaŭ aŭ merkrede; se ne, ĵaŭde, plej laste vendrede ...

- Jen amikoj: ekde morgaŭ ni devos deĵori en la Kanjono. Kiu iros, kaj kiamaniere? ...
- Beee, se vi ŝatas la koherecon kiel Eluana, vi devus iri piede aŭ bicikle ...- mokis Kristi.
- Kristi, estu serioza! La Kanjono distas 30 mejlojn, piede necesus naŭhora

marŝado, ni devus starti je noktomezo ŝarĝitaj kiel azenoj. Kaj bicikli sur tiu ŝoseo estas tre danĝere. Neeble!
- Ha ha, mi vidas ... mi feliĉas, ke mia dudekjara Barabanto ankoraŭ utilas al io! Do por esti tie jam frumatene ni devos forvojaĝi je la sesa ... Ĉu bone? Kiu venos?

Parolis direktorece Eluana:
- Oportune ĉeestos Profo, Solono, mi, Kleja ... Kun la stiristo Kristi jam estos kvinopo. Eble Barabanto ne povas enteni pli multe ...
- Kaj mi? - pepis Alica, - Ĉu mi devos resti hejme?!
- Ne kara - diris Kleja, - prefere restos hejme mi, ci povas iri je mia loko. Toto, bedaŭrinde ĉi-foje ne estas loko por vi, sed estos multaj okazoj por ekskursoj rezervitaj al vi junuloj.
- Ho, ne gravas, mi profitos la liberan tagon por ordigi miajn mineralojn...
- Ĉio en ordo - konkludis Eluana. Do morgaŭ matene je la sesa ni kuniĝu en la kutima loko ĉe la rivero. Mi rekomendas al ĉiuj: portu bongustan provianton kaj ... ke ĉiu havu sian dormosakon. Kleja, ĉu vi povas pruntedoni la vian al Profo?
- Kompreneble! Kaj mi aldonos ankaŭ volveblan matraceton el gutaperko, tre komfortan se vi devos tranokti tie.
- Bone. Kaj ... Profo ... estos oportune, ke ci surmetu normalan urban kompleton kun kravato ... Solono trovos ion taŭgan por ci ...
- Kiooo? ĉu mia trejnvesto ne taŭgas? kaj ĉu de nun ĉiam sen vosto?!
- Pri vosto eĉ ne parolu. Ankaŭ sen vosto cia aspekto estas sufiĉe okulfrapa. Konvenas, ke ci surmetu sunokulvitrojn kaj skarpon ĉirkaŭ la kolo ... Solono ĉion havigos al ci ...

- Sed sed ... Grandega Kvadrato ... ĉu mi estas ruĝulo? Kial mi devas maskiĝi? Ĉi tie ne estas toksoj ...
- Toksoj ne estas, sed Inspektoroj jes! Ni ne volas, ke oni metu cin en iun KRIM!
- KRIM? kio estas tio?
- *Komforta Restadejo por Identigo kaj Malapero*. Tie oni gardas la senpaperulojn, ĝis ili malaperas. Ne forgesu karulo: por nun ci estas senpaperulo. Solono, ĉu ci jam planis, kiel havigi al Profo la paperojn?
- Jes, ne timu, mia kuzo pastro konas Inspektoron ...
- … bone bone, sed dum Profo estas senpapera, oni devas tre atenti... Do, ĉio en ordo, ni iru enlitiĝi, morgaŭ estos peniga tago!

Profo aŭskultis iom timeme tiujn ĉi strangajn parolojn. Tamen li sentis sin tiel varme akceptita, tiel ameme zorgata de veraj amikoj, ke ankaŭ li enlitiĝis en plena trankvilo, kaj baldaŭ sonĝis ... pri Eluana.

**Julia SIGMOND**

# VANILA KORNETO (recepto)

INGREDIENCOJ
330 gr da faruno
250 gr da margarino aŭ butero
130 gr da muelitaj juglandoj
100 gr da vanila sukerpulvoro
pinĉpreno da salo

PREPARADO
Miksu la farunon kaj la margarinon. Aldonu la juglandojn muelitajn, la pulvorosukeron kaj la salon. Knedu ilin bone. Formu stangetojn kaj faru kornetojn malgrandajn, kiel etfingro. Ĉe malgranda fajro baku atente nur kelkajn minutojn, por ke la koloro restu blanka.
Tuj rulu la kornetojn en sukerpulvoron, sed nur post malvarmiĝo manĝu ilin!

# ŜERCOJ PRI FRUKTOJ KAJ LEGOMOJ

Filo: Paĉjo, ĉu veras la proverbo „Manĝu ĉiutage pomon: kuracistoj evitos vian domon”?
Patro: Jes, ĝi veras.
Filo: Do, mi manĝu pomon kiel eble pli rapide. Mi ĵus frakasis la fenestron de la kuracisto…

Filo: Paĉjo, ĉu vi ŝatas bakitajn pomojn?
Patro: Jes. Kial vi demandas?
Filo: Okazas fajrego en la fruktoarbaro.

A: Kiaspeca torto estas tiu ĉi?
B: Mi ne scias. Je kio ĝi gustas?
A: Ĝi gustas je gluo.
B: Do, ĝi estas pomtorto. Tiu kiu gustas je sapo estas la pruntorto.



Du avokadoj promenas en la urbo. Unu el ili estas trafita de aŭto. La alia akompanas sian amikon al la hospitalo. Tie, la kuracisto diras al li:

- Mi havas por vi unu bonan kaj unu malbonan novaĵojn. La bona: via amiko ja vivos. La malbona: li estos legomo dum la resto de sia vivo.

*Esperantigis: Luiza CAROL*

# Mallongaj informoj pri pagoj al TEVA:

*Kiom?*

La kutima kotizo estas 20 eŭroj, sed homoj kiuj ne povas tion pagi, povas pagi 15, 10 aŭ 5 eŭrojn. Homoj kiuj tute ne povas pagi, sciigu tion, aŭ ne plu estos konsiderataj membroj. Dumviva membreco estas rekomendata kaj kostas 500 eŭrojn.

*Kiam?*

Plej facilas pagi fine de la jaro por la venonta kalendara jaro. Sed plej malfrue pagu en februaro de la koncerna jaro.

*Kiel?*

Oni povas pagi al la konto de TEVA ĉe UEA: teva-h. Klarigoj pri tio kiel pagi al UEA aperas en *http://uea.org/alighoj/pag_manieroj.html* kaj en la Jarlibro. Kelkaj Landaj Reprezentantoj havas propran konton. Vi povas informiĝi pri ĝi ĉe via Landa Reprezentanto aŭ la Sekretario. Eblas sendi TEVA-kotizon ankaŭ per PayPal, informojn petu de nia Sekretario. Kiel ajn oni pagas, oni informu pri la pago kaj membriĝo al la Landa Reprezentanto kaj al la TEVA-Sekretario, sciigante siajn nomon kaj adreson.

## ESTRARO DE TEVA – 2018

| | | |
|---|---|---|
| **PREZIDANTO** | S-ano Christopher FETTES, bloomfettes@eircom.net<br>Bloomville House, Geashill, Co. Offaly | Irlando |
| **VICPREZIDANTOJ** | S-ano Francesco MAURELLI, fran.mau@gmail.com | Germanio |
| | S-ano József NÉMETH, jozefo.nemeth@gmail.com<br>HU-8531 - IHÁSZ - Fő u. 41/5 | Hungario |
| **ĜENERALA SEKRETARIO kaj KASISTO** | S-anino Paola GIOMMONI<br>(*vidu malsupre ĉe la sekretariejo*) | Italio |

## LANDAJ REPREZENTANTOJ

| | | |
|---|---|---|
| **BELGIO** | S-anino Heidi GOES Assebroeklaan 2, BE-8310 BRUGGE<br>heidi.goes@gmail.com | België – Belgique |
| **BRAZILO** | S-ano Ivan Eidt COLLING, Cx. P. 1701, Ag. Mal. Deodoro, BR-80011-970, Curitiba, PR.<br>iecolling@yahoo.com.br | Brasil |
| **ĈINIO** | S-ano Liang Ziming, Direktoro de Haiming-Instituto, No.902 in building A4, fenghuang-ling-lu<br>CN-530000 Nanning, Guangxi, 470201831@qq.com | 中华人民共和国 |
| **DANIO** | S-ano Ejnar R. HJORTH, Christiansgade 38, 2, DK-9000 AALBORG<br>ejnarhjorth@mac.com | Danmark |
| **FRANCIO** | S-ano Thomas LARGER, 2 rue du verger, FR-56 460 LIZIO, thomas.larger@orange.fr | France |
| **GERMANIO** | S-ano Hans-Peter BARTOS, Schillerstr. 9, DE-06114 HALLE<br>nachrichten@bartos.info | Deutschland |
| **HUNGARIO** | S-ano József NÉMETH (*vidu supre*) | Magyarország |
| **IRLANDO** | S-ano Christopher FETTES (*vidu supre*) | Eire - Ireland |
| **ISRAELO** | S-anino Luiza CAROL, POBox 1083, IL-2910902 KIRIAT-YAM<br>luizacarol1947@gmail.com | Israel |
| **ITALIO** | S-anino Lilia FABRETTO, Via Pietro Cartoni, 12/12, IT-00152 ROMA<br>centro.p@virgilio.it | Italia |
| **JAPANIO** | S-ano SAITO Yoshinori, Iizuka 2-2-10-507, Kawaguchi - - SAITAMA, 332-0023 JP.<br>vendredo@nifty.com | Nippon |
| **KAMERUNO** | S-anino Chamberline NGUEFACK ZEDONG, chamberline47@gmail.com | Republique du Cameroun |
| **NEDERLANDO** | S-ano Rob MOERBEEK, Zwaansmeerstraat 48, NL - 1946 AE BEVERWIJK<br>moerbeekr@gmail.com | Nederland |
| **POLLANDO** | Krzysztof ŚLIWIŃSKI, ul. Dunikowskiego 27/9, PL 20-425 Lublin, oriento@wp.pl | Polska |
| **RUMANIO** | S-anino Júlia SIGMOND, Str. Vlahuţă 7/6, RO-400310 CLUJ-NAPOCA<br>jjjusi@gmail.com | România |
| **SLOVAKIO** | S-ano Stano MARČEK, Zvolenská 15/21, SK-036 01 MARTIN<br>stano.marcek@gmail.com | Slovensko |
| **SVEDIO** | S-ano Jarl HAMMARBERG, Illergatan 1 SE-42671 VÄSTRA FRÖLUNDA<br>jarlo@tele2.se | Sverige |
| **SVISLANDO** | S-anino Elisabeth EISENEGGER, Saumackerstrasse 59, CH-8032 ZÜRICH<br>eeisenegger@bluewin.ch | Helvetia |

Ĝenerala Sekretariejo de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA)
ĉe: **Paola GIOMMONI, Via Ugo Foscolo 22 IT-52100 AREZZO, Italio.**
**Telefono: +39 0575 900840**. **E-poŝto: giommpax@alice.it aŭ teva@ivu.org**
Nia retejo: www.vegetarismo.info.

